FONDITA en 1908 - TRIA SERI[E]

34a Jaro - Nº 236 - Feb. Marto 1966

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xᵉ — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

## NIAJ VENONTAJ ĜOJOJ

De la 1-a ĝis la 8-a de Aprilo, okazos en GRESILLON, por la kvina fojo - sub la aŭspicio j de la Ministrejo pri Nacia Klerigado - la U.F.E. Kultura Semajno.

De la 28-a ĝis la 30-a de Majo, ni kongresos en AGEN por nia 58-a Nacia Kongreso.

De la 26-a de Julio ĝis la 10-a de Aŭgusto ni ĝuos belan vojaĝon per speciala aŭtobuso al la 51-a Universala Kongreso de Esperanto en BUDAPESTO (Hungarujo).

Mi ĉeestos tiujn tri gravajn manifestaciojn. Ĉu ankaŭ vi?

Se vi estas klerulo, nia Paska Kultura Semajno certe interesos vin.

Se vi ŝatas la liberajn diskutojn pri la organizado kaj la agado de nia Asocio, vi povos partopreni nian Nacian Kongreson.

Se vi ne ankoraŭ konas la ĉarman etoson de la Universalaj Kongresoj, aŭ se vi ne konas jam Hungarujon, partoprenu nian karavanon al Budapesto.

Vi ne bedaŭros!

R. LLECH-WALTER.

FRANCA ESPERANTISTO
REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Jean THIERRY** UFE 34 rue de Chabrol - PARIS (10ème) .
Téléphone : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS** : Le détail en a paru dans le précédent numéro.

==================================================================

## LES MYSTERES ROSICRUCIENS

Tous ceux qui aspirent sincèrement aux grandes vérités, désirent améliorer leur existence grâce à une connaissance traditionnelle de la Rose-Croix perpétuée aujourd'hui par l'Ordre Rosicrucien AMORC, peuvent demander l'envoi gratuit du livre "La Maîtrise de la Vie". Il est envoyé sans engagement à quiconque s'intéresse aux plus hautes lois de la nature et de la science mentale.

Adressez votre demande à SCRIBE III - Ordre Rosicrucien AMORC 56 rue Gambetta - VILLENEUVE-SAINT-GEORGES-(91) (joindre deux timbres pour frais d'expédition).
(Communiqué)

=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:

Gottfried G. HOFFMANN, Flemmingstrasse 42 - KARL-MARX-STADT (G. D. R.) deziras korespondi pri turismo, fotado, pasigrafio, filatelo, ktp.

-o-o-o-o-o-o-o-oo-o-o-o-o-o-o-o-o-o-

Ni petas la akciulojn de la Esperantista Centra Librejo de Parizo sin konigi ĉe nia oficejo, 34 rue de Chabrol en Parizo

## E N H A V O



mmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmm

## ELECTIONS AU CONSEIL D'ADMINISTRATION

Les membres sortants suivants: MM. CHAGNOUX, CHAPELLIER, CUGNY, GUILLAUME, LLECH-WALTER se représentent.

Les membres sortants suivants: MM. GARRIGUE, GILOTEAUX, Mlle GARRIGUE ne se représentent pas.

Trois nouveaux candidats se sont fait connaître: MM. R.MARTIN (Rennes) P. BABIN (Rochefort), P.POLY (Paris).

-o-o-o-o-

51-ème CONGRES UNIVERSEL
D'ESPERANTO - BUDAPEST
=======================

U.E.A. communique qu' il n' est plus nécessaire de payer par avance la totalité des frais de séjour contrairement à ce qui a été annoncé dans le "Dua Bulteno" ainsi que dans la presse espérantiste.

D'autre part, le coût du visa hongrois a été diminué de 50%

CARAVANE DE U.F.E. à BUDAPEST
===========================

Déjà 35 participants se sont faits inscrire à notre caravane par autocar.
Ceux de nos Membres qui désirent participer à ce voyage doivent se faire connaître très rapidement car le nombre de places est nécessairement limité.
Nous rappelons qu'il sera indispensable de posséder un passeport en cours de validité. Il ne faut pas attendre la date limite pour en demander le renouvellement.
Ce document devra nous être adressé courant juin au plus tard, pour que nous puissions effectuer les démarches pour obtenir les visas.

Jusqu'à présent, seuls quelques isolés nous ont interrogés p o u r le voyage collectif par chemin de fer - qui ne peut être organisé qu' avec un minimum de 15 personnes à l'aller comme au retour.
Nous croyons judicieux de conseiller -dans l'état actuel- aux membres qui envisagent de se rendré à Budapest par train de faire eux-mêmes le nécessaire pour obtenir le visa h o n-grois suivant les directives du 2ème Bulletin diffusé actuellement p a r U. E. A.

===================================

Ni petas nian amikon GAILLARD kaj la familion akcepti nian sinceran kondolencon pro la forpaso de Sinjorino L.J.GAILLARD la 28-an de februaro.

58-a NACIA KONGRESO DE ESPERANTO
---------------------------------
AGEN - 28-30 Majo 1966
-----------------------

Nova programero: Dimanĉon 29/5 je la 17 h.: Speciala kunveno de la lokaj kaj regionaj respondeculoj pri la INFORMA FAKO.

Ĉiuj grupoj nepre sendu reprezentanton aŭ almenaŭ raporton.

- Interkonatiĝo
- Organizado de la I. F. laŭ la Principaro de Frostavallen
- Libera diskuto pri interŝanĝo de informoj, bezono de informa materialo, ktp.

GRAVE: Ni petas ĉiujn grupestrojn
====== resendi kiel eble plej rapide la "rozan" folion pri la informa-laboro dum 1965.

-o-o-o-o-o-

Jen la unua listo de partoprenontoj, al 58-a Nacia kongreso:

1. S-ro A. Ribot
2. S-no C. Ribot
3. S-ro A. Albault
4. F-no O. Albault
5. S-ro J. Albault
6. S-ro J. Guillaume
7. S-ro R. Llech-Walter
8. S-ro Thiollière
9. S-ro Valluet
10. S-ro Vérot
11. S-no Robineau

Honoraliĝoj
==========

1. D-ro G. Maillard
2. S-no J. Vincent
3. S-ro Yelland
4. S-no Yelland
5. S-ro F. Jelenc
6. S-ro A. Manceau
7. S-ro Chaigneau

-o-o-o-o-

PROGRAMME PROVISOIRE DE LA 5-ème SEMAINE CULTURELLE

organisée par l' UNION FRANCAISE POUR L'ESPERANTO
sous les auspices du Ministère de l'Education Nationale
au Château de GRESILLON du I-er au 8 Avril 1966

**Vendredi 1/4** - Arrivée des stagiaires - Réunion commune - Règlement intérieur et Programme des activités

**Samedi 2/4**

- 9 h - Etude d'un texte en espéranto (M. TURIN)
- 11 h - Conversation et Jeux en espéranto (M. MOTILLON)
- 17 h - "Orthographe et phonétique en Espéranto"(M. DUC-GONINAZ professeur agrégé de russe)
- 21 h - "Pourquoi un dolmen à Baugé?" Renseignements sur les Celtes (M. MARTIN, professeur agrégé d'anglais)

**Dimanche 3/4**

- 8 h - "Connaissance de l'Anjou" par une excursion aux Châteaux de la Loire" sous la conduite de Mme CHEVERRY

**Lundi 4/4**

- 9 h - Etude d'un texte en espéranto (M. TURIN)
- 11 h - "Car le mot est le verbe" (M. THIERRY, rédacteur de la Revue Française pour l'Espéranto)
- 16 h - Causerie sur le Japon (M-lle SOOKO-HORIE)
- 17 h - Lecture d'une pièce de théâtre en espéranto avec commentaires (M. TURIN)
- 18 h - Conversation et jeux(M.MOTILLON)
- 21 - "Education et Tolérance" (M.-BABIN, professeur d'anglais)

**Mardi 5/4**

- 9 h - Etude d'un texte (M. TURIN)
- 11 h - Conversation et jeux(M.Motillon)
- 16 h - Causerie d'un stagiaire allemand
- 17 h - Lecture et Commentaires d'une pièce de théâtre (M.TURIN)
- 21 h - "Le Moulin des Apprentis", (Mlle MINAULT)

**Mercredi 6/4**

- 9 h - Etude d'un texte en Espéranto (M. TURIN)
- 11 h - Conversation et jeux(M.MOTILLON)
- 16 h - Causerie d'un stagiaire polonais
- 17 h - Lecture et Commentaires d'une pièce de théâtre (M. TURIN)
- 21 h - "La Pologne, patrie de Chopin et du Dr Zamenhof", avec diapositives et bande magnétique synchronisée (M.BLANC, instituteur vice-président de UFE.

**Jeudi 7/4**

- 9 h - Etude d'un texte en espéranto (M. TURIN)
- 11 h - Conversation et jeux(M.MOTILLON)
- 16 h - "Organisation de l'U.F.E. par rapport à l'U.E.A. (association internationale) et aux Fédérations et Groupes (associations nationales)(M. ROUSSEAU trésorier de l'U.F.E.)
- I7 h - Lecture et commentaires d'une pièce de théâtre (M. TURIN)
- 21 h - "Connaissez-vous l'Islande" ? Découverte du pays par la magie des projections (M. ROUSSEAU)

Vendredi 8/4
============

9 h - Etude d'un texte en Espéranto (M. TURIN)
11 h - Conversation et jeux(M.MOTILLON)
16 h - Causerie d'un stagiaire anglais
17 h - Rapport sur la Semaine Culturelle.
21 h - Soirée de Variétés - Chant des Adieux

-o-o-o-o-o-o-o-o-

Direction Culturelle:
M. René LLECH-WALTER, expert-comptable, Président de l' Union Française pour l'Espéranto.

Direction Pédagogique:
Mme et M. G. TURIN, Instituteurs

Administration - Intendance:
Mme et M. P. BABIN, Professeurs

Mme et M. F. JELENC, Professeurs

oooooooooooooooooooooooooooooooooooo

FILATELA ANGULO
-:-:-:-:-:-:-

Se vi ne jam havas la koverton kun la speciala stampo de la 31-a Provenca Kongreso de Esperanto - GAP 23.V.1965,sendu 1 Fr. al S-ro COLNEY CCP MARSEILLE I06937 (Eksterlandanoj sendi tri respondkuponojn).

-:-:-

Aldono al la listo de poŝtstampoj rilatantaj al Esperanto:

8-15/VII/1965- OOTU - 21-a Internacia Kongreso Junulara (TEJO)
9/V/1965 - ZIELONA GORA - Renkontiĝo de Esperantistoj de Okcidentaj Teritorioj
I965 - La "Limburger Vereinsdruckerei GmbH 625/LIMBURG (Germanujo), uzas depost kelkaj monatoj novan permaŝinan stampon ("ESPERANTO - Sprache der Welt"), sur kiu aperas nun la nombron 625 rilatantan al la regiono. (J.R.)

VENU, VIDU kaj ĜUU! Tiel vokas vin
=================== ilustrita faldfolio pri PRIMOŜTENO. Petu ĝin ĉe la Estraro de la Internacia Esperanto-Somerumejo, Primoŝten (Jugoslavio).

POLA RADIO - Esperantaj disaŭdigoj:
========== VARSOVIO sendos al vi laŭ via peto sian ilustritan programon. La nuna informas ĝis aprilo 1966.

RADIO BUDAPEST komencis siajn espe-
============== rantlingvaj dissendojn, la 1-an de Februaro 1966, ĉiuntagon de 20h30 ĝis 20h45, per la jenaj ondolongoj: 240 m (I250 kc/s) - 41,6m (7220 kc/s), 48,1m (8234 kc/s)

Bonvolu aŭskulti tiujn programojn per kiuj vi ricevos novaĵojn pri la preparaj laboroj de la 51-a Universala Kongreso aranĝota en tiu urbo.

Se videziras skribi, la adreso estas RADIO-BUDAPEST/Redakcio de la Esperanto-dissendoj/Brody Sàndor u. 5/7 BUDAPEST VIII (Hungarujo).

==================================

INTERNACIA ESPERANTO MUZEO EN VIENO
-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

Vi nepre devas subteni la agadon de UGO STEINER, kiu fondis en 1927 la Internacian Esperanto-Muzeo, per kontrakto kun la Ministrejo pri Instruado, alligita al la Nacia Biblioteko. La kolektoj estas videblaj en kvin salonegoj de la iama imperiestra kastelo HOFBURG en Vieno.

Fariĝu subtenanto, kaj abonu al INFORMILO DE I.E.M.W. kiu prezentas kvarfoje dum la jaro la ĉiulandajn atingaĵojn de Esperanto.

Jarabono: 8 intern. resp.-kuponoj aŭ 5 F. al JEAN DALET, 79-bis rue du Château 92-ASNIERES (Francujo) - CCP PARIS 44.7I.53.

nnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnn

Brazilano, 40 j. deziras interŝanĝi, p.m. kun ĉiuj landoj. Li sendos brazilajn p.m. S-ro Jacques - Auguste COURBET, Praia do Flamengo 254 - Ap. 404-Flamengo-ZC-01-RIO DE JANEIRO.

# J A R R A P O R T O

pri la agado de

UNUIĜO FRANCA POR ESPERANTO

Ĉi tiu raporto,kompilita de la Estraro koncernas la agadon de la Unuiĝo dum la jaro 1965.

La laborjaro estas karakterizata de du elementoj: 1º) la labororganizo de la Konsilio; 2º) la koncentriĝo pri kelkaj punktoj de la laborplano de 1962. Jam de la pasinta julio, la aktiveco estas dividita en kvar komisionoj, kies membroj, specialiĝas sub la prezido de unu el la kvar vic-prezidantoj. Ĉiu el la komisionoj elektas kaj pristudas unu punkton de la laborplano kaj prilaboras ag-projektojn.

1-ADMINISTRADO - La pozitiva respondo de la membroj al la alvoko de la prezidanto firmigis la daŭron de la pariza nacia centro,kies utileco estas evidenta

Nacia oficejo: ĉiuj konas la sindonan aktivecon de la sekretariino, F-ino Y. PAULIER, kiu prizorgas la diversajn servojn de la rue de Chabrol. Ĉiuj ja scias ke tie oni akceptas naciajn kaj internaciajn vizitantojn,aĉetas aŭ prunteprenas librojn; S-ro P. ROYER kun pluraj gehelpantoj finpretigas la bibliotekon; la Pariza grupo kaj Federacio,la UFE-konsilio kunsidas kelkfoje, eĉ dimanĉe! Ĉiusabate renkontiĝas kaj studas diversajn problemojn S-roj A.BOURDEAUX, J.GUILLAUME, J.ROUSSEAU, G. ROUGETET kaj J.THIERRY. Helpas al F-ino Paulier S-inoj NOYES kaj ROBIN, f-ino SUCHAREAU kaj S-ro BELHOSTE. S-ro POLY venas preskaŭ ĉiutage, por ordigo de paperoj, revuoj, libroj.

Membraro kaj delegitoj de U. E. A. - Kvankam U.F.E. estas la plej grava branĉo de UEA, la ciferoj estas elokventaj: ili devus esti ankoraŭ pli fortaj, se ĉiuj kasistoj kaj kursgvidantoj konstante memorus, ke en la nuna statistikeca mondo "nombro estas forto!".

La celo de UEA estas atingi la eblecon paroli en la nomo de 100000 membroj.

Jen la ciferoj de la francaj:

| | U.E.A. | U.F.E. |
|---|---|---|
| 1964 | 2040 | 1396 |
| 1965 | 2048 | 1509 |

La diferenco inter 2048 kaj 1509 montras, ke 539 francoj forgesas aŭ ignoras la utilon de nacia asocio por agi ĉe naciaj instancoj.

Tamen U.F.E. konservas la plej grandan nombron da delegitoj; laŭ la jarlibro:

| JD | D | VD | FD | Sumo |
|---|---|---|---|---|
| 7 | 153 | 26 | 149 | 335 |

Franca Esperantisto kaj "Bulletin d'Informations Mondiales": Laŭeble kvar numeroj de la gazeto estas presitaj; la ceteraj aperas laŭ ofseta formo. Per tia decido, la konsilio sukcesis ekvilibrigi la buĝeton. La Informa Bulteno redaktita de D-ro G. MAILLARD aperas kvarfoje, kaj estas eldonata je 5.000 ekzempleroj. Se tiu ĉi eldonnombro malekvilibrigas la buĝeton, ĝi aliflanke servas por la ĝenerala informado en diversaj medioj sub la gvidado de S-ro G. ROUGETET.

S-ro J. THIERRY senĉese provas plibonigi la revuon, kaj dankas al kreskanta nombro da abonantoj kaj kunlaborantoj, kiuj ebligas tion, aparte al S-ro J.L. MAHE, kies kliŝoj bele riĉigis plurajn numerojn.

II-FINANCOJ - La detaloj de la kontoj aperas post tiu raporto.

Pro la internaciaj pagoj konstante enŝoviĝas novaj kontoj kaj komplikaĵoj en la librojn. S-ro J.A. ROUSSEAU kun la helpo de S-ro P. ROYER klopodas ordigi ĉion kaj plibonigi la kontprezentadon, por ke ĉiu membro povu mem kompreni la financan kompleksecon.

III- KONGRESOJ- Okazis multaj renkontiĝoj kaj kongresoj dum 1965.

Universala Kongreso en Tokio: Entute aliĝis al 50-a Jubilea U. K. de Esperanto 1709 anoj el 45 landoj. Post la japanoj, la francoj estis la plej multnombraj: aliĝis 93, sed nur proksimume 70 ĉeestis, inter ili S-ro Emile GASSE, unu el la ankoraŭ vivantaj partoprenintoj de la 1-a U. K. de Bulonjo-ĉe-Maro; kaj memore al tio, li ricevis donacon. La kongreso disvolviĝis tre glate dank'al la perfekta organiziteco de la orientaj geamikoj. La ĉeftemo estis la Internacia Kunlaborado, kaj nedubeble la 50-a U. K. unua en Azio, estos epokfara en la historio de la Esperanto - Movado. S-ino J. VINCENT salutis la kongreson en la nomo de la Franca Unuiĝo.

57-a Nacia Kongreso en Le Havre: Ĝi estis bone organizita de S-roj MAMMAUX - GIBAUX kaj SANTREUIL, gvidantoj de la grupo en Le Havre. Fruktodona laboro kaj promesplena akcepto en la urbdomo. Du vesperoj kun filmoj, folklora prezentado kaj parolado de hungara Prof. J. FARKAS Multaj memoras la lundan ekskurson al la Ponto de Tancarville, la akcepton en Yvetot kaj Fécamp, la viziton de la muzeo pri Bénédictine kaj la bankedon.

Federaciaj kongresoj: Interalie kongresis "Rhône-Alpes" en Grenoble, "Centra Montaro" en Vichy, "Centro-Okcidento" en Grésillon, "Orientfranca Federacio" en Nancy, "Pariza Federacio" en Paris.

IV- EKSTERAJ RILATOJ- S-ro G.ROUGETET konstante rilatas kun la Franca Komitato de Ne-Registaraj Organizoj, en konsultaj rilatoj kun UNESKO. Li konstatis, ke la Esperanto Movado estas pli kaj pli favore akceptata de la diversaj organizoj Por la peticio, okaze de la Jaro de Internacia Kunlaborado, li skribis al 798 parlamentanoj, 246 akademianoj, 60 asocioj, 605 membroj de la ŝtata konsilio, 120 membroj de la Supera Konsilio pri Nacia Klerigado. Li ricevis, ĝis nun, la aprobon de 74 parlamentanoj.

V-INFORMADO- S-ro A. BOURDEAUX plivastigis la reton de la kunlaborantoj: estas dezirinde, ke en ĉiu grupo specialiĝu unu membro pri informado en rekta rilato kun li. Laŭ S-ro MOTILLON, kiu kolektas la gazetartikolojn, la jaro 1965 estis vere sukcesa: "Ni povas konkludi, ke aperis ĉirkaŭ 850 artikolojn aŭ informojn pri aŭ en esperanto en la franca gazetaro, sekve, ke en Francujo aperas pli ol du artikoloj ĉiutage. La parizaj ĵurnaloj, kiuj longatempe ignoris esperanton, nun pli kaj pli informas pri ĝi. Inter ili: Aurore-Combat- France-Soir, Paris-Match, Le Figaro, kiu eĉ du artikolojn publikigis de sia raportisto en Tokio...

"Resume, 129 artikolojn kun kliŝoj aŭ bildoj, 253 artikolojn po almenaŭ 50 linioj, 368 mallongajn informojn, komunikojn de grupoj, kc po 3 ĝis 50 linioj.

Legante siajn gazetojn, ĉiuj membroj ja rimarkis favoran ŝanĝiĝon jam de du jaroj.

S-ro A.BOURDEAUX rilatas kun diversaj parizaj ĵurnalistoj, kaj eĉ aranĝis ĵurnalistan kunvenon en "Maison de la Presse". Li etendis sian agadon al la Radio, kiu faris 25 elsendojn kaj espereble ni povos vidi ion sur la televida ekrano.

Li certigas la rilatojn kun la gazetara servo de U.E.A; li ankaŭ vizitis plurajn grupojn dum la jaro.

VI- INSTRUADO - Raportas S-ro BLANC : Dum la lernjaro 1964 - 65 daŭre funkciis kursoj en publikaj lernejoj, ĉefe duagradaj: instruist(in)aj seminarioj, liceoj, C.E.G. kaj C.E.T. En diversaj lokoj, la kursojn gvidas junaj instruistoj iam lernintaj en seminarioj kaj partoprenintaj Kulturan Semajnon en Grésillon kio grave atestas pri la elstara valoro de tiu manifestacio: strebi al kreo de tuta reto de esperanto-instruistoj por la estonteco.

Tamen estiĝis en 1965 danĝero por tiaj kursoj. La ĵusa reformo, kiu trudas la instruadon de dua fremda lingvo en ĉiuj duagradaj lernejoj, minacas malfaciligi la taskon de la Esperanto-instruistoj. Urĝas la preparo de ia agado, por ke la Ministrejo pri Nacia Klerigado enkonduku Esperanton en la liston de la nedevige elekteblaj lingvoj por la Abiturienta Ekzameno, egale al lingvoj kiel la sveda, la pola...k.c. La nombro de la Esperanto-gerlernantoj rajtigas nin pre-

zenti tiun peton. Ni alvokas ĉiujn Esperanto-instruistojn, ke ili nepre informu pri siaj kursoj la nunan respondeculon por statistiko Sron TURIN ennPontarlier.

VII - FRANCA ESPERANTO INSTITUTO - Raporto de la prezidanto, S-ro Michel DUC-GONINAZ:

-) Kunveno de la Instituto okazis en Parizo la 20an de Junio 1965. Ĝi elektis la prezidanton, sekretarion kaj kasiston (resp. Duc-Goninaz, R.Bernard kaj P. Tardieu). Ĝi interalie pritraktis la enhavon de la parolaj partoj de la diversaj ekzamenoj, kaj decidis reeldoni la "Gvidlibron" de la Ekzamenoj, de Waringhien. Ĝi difinis la kompetentecon de la Instituto ekster la Francuja teritorio Ĝi decidis atentigi la franclingvajn revuojn, kiuj enhavas esperantlingvan rubrikon (ekz.Le Monde des Philatélistes), ke en okazo de neeblo uzi la supersignojn, estas necese uzi aŭ la literon h (laŭ la Fundamento) aŭ unu el la surogatoj registritaj en la Plena Gramatiko.

-) Financa raporto por la jaro 1965: en kaso je la 1.1.1965: 1919,09 F.- enspezoj: 412,45 F; elspezoj: 1031,98 F. ; en kaso je la 31.12.1965: 1299,56 F.

La elspezoj inkluzivas la oridnarajn oficejajn elspezojn, la elspezojn de la Ekzamena Centro por 1964 kaj 1965, la vojaĝelspezojn pro la kunveno de la 20-a de Junio kaj la represon de mil ekzemplerojj de diplomoj.

-) Diplomoj disdonitaj dum 1965: atesto pri lernado: 155; atesto pri Supera lernado: 55; atesto pri Kapableco: 10; pedagogia atesto: 2; diplomo pri Altaj Studoj: 4, do entute 226 diplomoj.

La malsukcesoj nombras por lernado 23 supera lernado 5, kapableco 5. La nombro da kandidatoj por la diversaj ekzamenoj (se oni esceptas la "Altajn studojn")iom malaltiĝis dum tiu ĉi jaro. La nombro da atestoj pri lernado devus speguli pli fidele la nombron da personoj, kiuj ĉiujare atingas almenaŭ elementan konon de la lingvo. Tio signifas, ke la kursgvidantoj devus zorgi pri la organizo de ekzameno por la Atesto pri Lernado por tiuj, kiuj kontentiĝe finis la unuagradan kurson.

La malgranda nombro da atestoj pri Kapableco kaj ĉefe da Pedagogiaj atestoj estas maltrankviliga, ĉefe kiam oni pensas ke la Pedagogia Atesto estas normale postulata por instrui en duagradaj ŝtataj lernejoj!

Se malfacilaĵoj estiĝas por la konsistigo de la juĝantaro por la Kapableco oni sin turnu al la Direktoro de la Ekzamenoj, S-ano TARDIEU. Por la Pedagogia atesto, kiu normale okazas en Parizo estas planata sesio en Grezijono dum la somero. Plie, la skriba parto de tiu ekzameno povos okazi en iu ajn loko kaj je iu ajn momento sub la kontrolo de persono aprobita de la Direktoro de la Ekzamenoj. Ni esperas, ke post la adopto de tia faciligo, la federacioj aŭ landaj asocioj zorgos pri la organizo dum siaj ĉiujaraj kongresoj de sesio por la parola parto de la sama ekzameno laŭ la kondiĉoj difinitaj por la okazigo de tiu ekzameno ekster Parizo (vidu la Regularon).

-)Eldonaĵoj: F.E.I. eldonis multobligita suplementon al la "Konsiloj kaj tekstoj pri altaj esperantaj studoj". Ĉi tiu suplemento, ricevata senpage de la aĉetantoj de la "Konsiloj..." enhavas ĉiujn tekstojn de la laste okazinta sesio (nov.1965) de tiu ekzameno.

La "Gvidlibro de la Ekzamenoj" de Waringhien, delonge elĉerpita, sed ege bezonata, estis reviziita de speciala komisiono de F.E.I. Ĝi estos baldaŭ aĉetebla.

VIII - PRAKTIKAJ kaj KULTURAJ AFEROJ: Ĉi tiu ag-kampo pli kaj pli ampleksiĝas.

En la Kultur-Domo, raportas la Prezidanto S-ro P.BABIN: de la 9-a ĝis la 16a de aprilo, "kultura semajno", organizita de UFE sub la aŭspicioj de la Franca Ministrejo pri Nacia Klerigado. Granda sukceso: kursoj, prelegoj, ekskurso.Partoprenis cento da gesamideanoj, el kiuj pli ol la duono estis gejunuloj.

Pentekosto: grupo da 50 germanaj gejunuloj pasigis kvin tagojn en la kastelo. Ne ĉiuj estis esperantistoj, sed ĉiuj ĝuis la restadon. Bona propagando.

De la 4-a de Julio ĝis la 12-a de

septembro: okazis la kutimaj periodoj - kun kursoj, prelegoj, ekskursoj, distraĵoj. Meznombre,partopreno de 80 gesamideanoj en ĉiu periodo. Tre kontenti ga partopreno de la alilandanoj. La finaj ekzamenoj diversgradaj estis plensukcesaj kaj la rezultoj kontentigaj.

Kultura Semajno: Kiel en la pasintaj jaroj, U. F. E. organizis sub la gvidado de ĝia Prezidanto, S-ro R. LLECH-WALTER, la Kulturan Semajnon de Pasko kun partopreno de 100 staĝantoj; aperis raporto en la gazetaro kaj speciala bulteno franclingva por plia informado. La Ministrejo subvenciis la organizon; kaj ankaŭ en 1966 okazos la 5-a Kultura Semajno sub la aŭspicio de la Ministrejo.

J.E.F.O. - Dank'al la senlaca agemo de F.SIMONNET, en kelkaj partoj de Francujo grupoj jam bone funkciis en 1965. Dum la jaro, tiuj grupoj organizis interesajn renkontiĝojn: en AIX (finsemajno, 20 gejunuloj); en BESANCON (2 tagoj, 30 gejunuloj). Pentekoste, en Le Havre areto da gejunuloj elektis sian oficialan estraron, kiu ekfunkciis malgraŭ diversaj malfacilaĵoj.

En THANN, juna grupo kunligis oficialan ekspozicion en la urbdomo kun renkontiĝo de 40 geesperantistoj (vizito de la urba muzeo).

La trejnitaj junulinoj de S-ro BLANC amase instruis Esperanton al pli ol 200 gelernantoj, kiuj certe baldaŭ fondos novajn grupojn kaj kursojn.

En VERSAILLES, du kursoj ekestis, unu el ili grupigas 19 lernantojn.

En ROMANS post ekspozicio, kelkaj junuloj starigis junularan grupon.

En LE PERRAY, 30 gejunuloj grupiĝis dum finsemajno. Fine 4 JEFO-anoj ĉeestis la 9an Internacian Seminarion de G.E.J., en Hamburgo; 3 el ili partoprenis en la Seminario por Gvidantoj.

Resume, JEFO preparis la grundon por pli ampleksa agado estonte. La estantaj grupoj daŭrigas sian agadon, dum oni anoncas la formadon de novaj grupoj en Norda kaj Toulouse-a regionoj.

Internacia Korespond-servo: Por U.E.A kaj samtempe por U.F.E. F-ino HUETER en Clermont - Ferrand zorgas pri tiu grava servo.

La sliparo ampleksas adresojn el 53 landoj de la 5 kontinentoj. Aliĝis ĝis nun 105 lernejoj, el 25 landoj de 4 kontinentoj, el kiuj 30 estas francaj. Tre multaj aliĝintoj uzas la servon plurfoje eĉ konstante; proksimume 25 lernejoj regule uazs la korespondservon.

La aktiveco regule kreskas. Vidu ĉi-suban resumo-tabelon de la forsenditaj respondoj sekve al alvenintaj korespondpetoj de post la restarigo de la s ervo en nOv.1960 ĝis la fino de 1965:
1961: 450; en 1962: 372; en 1963: 450;en 1964: 650; en 1965: 783.

La financa stato estas en ordo.

Grupaj aktivecoj - 12 grupoj akceptis la viziton de prof.FARKAS. 33 grupoj havas propran aŭ urban sidejon. 31 grupoj havas regulajn kunvenojn kun programo.18 grupoj povas uzi sonbend-aparaton.9 grupoj havas junularan fakon. 27 grupoj havas bibliotekon. 23 grupoj estas pretaj, inviti alilandan preleganton pagante la restadon kaj 7 pagante la vojaĝon.

En la Intergrupa Konkurso, la grupo de PERPIGNAN gajnis la unuan premion. En la organizado de informcelaj kunvenoj elstariĝis la grupoj de ANGERS, GRENOBLE LES ANDELYS, LE HAVRE, LYON, MARSEILLE TOULOUSE kaj VIERZON.

Generala superrigardo - Laŭ la informoj de la plej aktivaj grupoj, oni dissendis aŭ disdonis 16570 flugfoliojn kaj 5020 propagandilojn,montris 1103 afiŝojn aranĝis 20 ekspoziciojn vizitatajn de proksimume 35000 personoj.

27 grupoj havas bonajn rilatojn kun la urbdomo kaj 20 ricevas subvencion.

Unu grupo atentigas pri malsukceso de la interesiĝo en ĝia regiono; nur kelkaj grupoj stagnas, sed opinias, ke la interesiĝo tamen kreskas.

KONKLUDO - La jaro 1965 plifirmigis la promesojn de 1964: pluraj faktoj estas pozitivaj.

Nun U.F.E. fondis taŭgan Informan Fa-

kon, kiu daŭre havas oficialajn rilatojn kun la enlanda gazetaro, radio kaj televido; ĝin gvidas S-ro A. BOURDEAUX, profesia membro de U.N.A.P.en kiu li reprezentas UFE, francan branĉon de UEA. Por eviti mispaŝon, unu specialiĝanta membro en ĉiu grupo interkonsiliĝu kaj restu en rilatoj kun li.

Ci-jare ekfruktis la agado en lernejoj, kiun de kelkaj jaroj disvolvis S-ro BLANC. Kaj sendube baldaŭ la aranĝoj kun G.E.E. plifortigos la kunlaboradon sur tiu ĉi grava kampo de la instruado. Konforme al la laborplano de 1962 Franca-Esperanto-Instituto plenumas sian rolon.

Diversaj manifestacioj - en la Kultura Domo, dum la Kultura Semajno, (kiu en 1966 okazos por la 5-a fojo), en la plivastiĝo de la Junulara JEFO, en la aktiveco de pluraj grupoj - estas ja signoj, de fruktodona reviglig̃o...

Dume kelkaj gesamideanoj ankoraŭ agas tro individuece. Ideo povas esti bona en si mem, sed neefektivigebla pro cirkonstancaj kaŭzoj aŭ plibonigebla laŭ jam akiritaj spertoj. Efikeco rezultas de kunordigo; kaj en tiu rilato oni relegu la bazan laborplanon aperintan en "Franca Esperantisto", nº233 p.56. La prezidanto de UEA, Prof.D-ro Ivo LAPENNA opinias pri la laboro farita en 1965, ke la kutimaj agadoj bone prosperis, sed bedaŭras, ke kelkafoje estas ĝenaj mankoj de memdisciplino (ankaŭ en Francujo):"Ni estas senpovaj, se ni disrompas la fortojn anstataŭ agi unuece por aktivigi konkretajn klare difinitajn celojn".

-o-o-o-o-o-o-

En la apuda tabelo, vi trovos la detalon de la en- kaj el-spezoj dum la jaro. La kasisto kaj la kontrevizoro prezentos en AGEN la samajn kontojn sed laŭ faka (kontada) maniero, sekve de la decidoj faritaj dum la lastjara kongreso en Le Havre.

ENSPEZOJ kaj ELSPEZOJ dum 1964-1965

| | Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|---|
| Kotizoj | 9 260,90 | |
| Subvencioj | 500,oo | |
| Profitoj | 153,29 | |
| Donacoj: | | |
| diversaj | 771,06 | |
| por la sidejo | 5 642,85 | |
| Rentumoj | 5 524,17 | |
| Libroj | 19 461,13 | 17 897,23 |
| Koresp.kurso | 474,20 | |
| Kongresoj | 58 633,17 | 54 739,56 |
| Bankkostoj | 254,86 | 276,43 |
| Kultura Semajno | 5 630,oo | 6 626,75 |
| Revuo: | | |
| R.F.E. | 7 314,90 | 6 407,38 |
| B.I.M. | 781,14 | 2 487,10 |
| Poŝtaj kostoj | 1 453,63 | 3 169,47 |
| Eldonaĵoj | 776,96 | 1 815,01 |
| Propagando | 995,80 | 1 558,74 |
| Biblioteko | 10,oo | 377,oo |
| Akcioj | | 1 139,08 |
| Diversaĵoj | 92,57 | 662,71 |
| Sekretariato | | 8 285,19 |
| Impoŝtoj | | 1 435,04 |
| Oficejaj elspezoj | | 3 229,93 |
| Materialo | | 52,50 |
| Veturigoj | | 978,38 |
| Interkontaj transpagoj | 84 545,oo | 84 545,oo |
| Federacioj | 1 537,70 | 1 277,70 |
| Fakoj | 216,oo | 125,oo |
| Grupoj | 462,oo | 507,oo |
| U. E. A. | 21 258,88 | 25 887,11 |
| Transpagaj kontoj | 12 038,08 | 14 305,96 |
| | 237 788,59 | 237 785,27 |
| En kaso 10/1964 | 4 736,23 | |
| 9/1965 | | 4 739,55 |
| | 242 524,82 | 242 524,82 |

| | |
|---|---|
| poŝtkonto........ | 824,64 |
| kaso............. | 219,92 |
| bankkonto........ | 1 865,08 |
| ŝparkonto........ | 1 829,91 |
| | 4 739,55 |

LA ESTRARO DE U.F.E.

# VIVA DE LA GRUPOJ

DIJON - La "Conseil Général de la
======= Côte-d'Or akceptis la peticion al U.N.O. laù propono de S-ro AMMATE, kaj jesa decido de la Komisiono pri Instruado.

MONTPELLIER - Kursoj okazas en la
============= liceoj de tiu urbo sub la gvidado de S-inoj CAPUS, LAURENTI kaj F-ino Colette LLECH-WALTER.

N I C E - La grupo eldonas trimona-
========= tan ofsetpresitan bultenon kies direktoro estas Hubert FEREZ, 7 avenue de Reims. La titolo de tiu nova bulteno estas: CONCORDE - NICA STELO.

Per tiu bulteno (n°10) ni ekscias ke la ĥoro "VERDA STELO"daùrigas sian agadon kaj akceptas ĉiam novajn membrojn. Informojn vi petu ĉe la supra adreso.

PERPIGNAN - La Urbestraro kaj la pre
=========== danteco de S-ro P. ALDUY deputito kaj urbestro, akceptis unuanime la peticion al U.N.O. dum sia kunsido de la 21.10.1965.

Merkredon la 15-an de decembro, okazis grava ceremonio je la honoro de la datreveno de D-ro ZAMENHOF kaj de la Deklaracio pri Homaj Rajtoj.

La regiona televido dissendis partojn de la manifestacio.

Advokato ABECASSIS kaj F-ino Mercédès CREIXELL legis esperante kaj france la ĉefajn artikolojn de la Deklaracio pri Homaj Rajtoj.

S-ro René LLECH-WALTER parolis pri la vivo kaj verko de ZAMENHOF.

La publiko legis la leterojn alvenintajn el ĉiuj partoj de la mondo, kaj admiris la belajn bildkartojn, kaj poŝtmarkojn.

La morgaùan tagon, posttagmeze, la geknaboj de la esperanto-kursoj ĝuis manĝetojn, vidis kaj aùdis la ekspozicion de S-ro LENTAIGNE dank' al diapozitivoj kaj sonbendo.

La Kultura Centro en Perpignan gratulas kaj dankas la multajn sendintojn de la poŝtkartoj kaj leteroj okaze de la 15-a de decembro.

PARIS - La Kongreso de la Pariza Fe-
======= deracio okazos dimanĉon la 17-an de aprilo, en salono ZIMMER, place du Châtelet. Post komuna tagmanĝo, okazos la kutimaj oficialaj debatoj. La kunveno finiĝos per distra parto. Aliĝoj: ĝis la 10-a de Aprilo (13 F. kun la tagmanĝo; 4 F. sen la tagmanĝo) al J. ROUSSEAU CCP PARIS 14.399.01.

-o-o-o-o-

Raportante pri la U. K. en Tokio, S-ro DABEZIES unue akceptis D-ron MASUMOTO, japana esperantisto, kiu studas nuntempe en Francujo la lastajn atingojn en la korĥirurgio. Tiu japano montris kelkajn diapozitivojn pri sia lando, antaù ol S-ro DABEZIES prezentis sian filmon faritan dum sia vojaĝo al Japanujo.

ROMANS - Fine de oktobro la grupo
======== "Bona Stelo" organizis ekspozicion en sia "domo" 31 rue Pêcherie. Tiu ekspozicio estis multfaceta ĉar ĝi rilatis al la disvastigado de Esperanto, literaturo, homaj interŝanĝoj, vojaĝoj, turismo, filatelo kaj gastronomio.

YVETOT - Jen la nova estraro de la
======== grupo: S-ro A. H I S prezidanto; F-ino HINFRAY, sekretariino; S-ro pastro CHERFILS, kasisto; S-ino POTTIER, arĥivistino; S-ro POTTIER respondecas pri la kursoj. La kunvenoj de la grupo okazas la unuan ĵaùdon de ĉiu monato je 20h30. La kurso okazas ĉiun merkredon en la Domo de la Junuloj.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Ni petas niajn membrojn, okaze de mendo de libroj, mencii la nomon de la eldonisto. Tio faciligos la laboron de nia Sekretariino.

Junulara

Esperanto

Franca

Organizo

Tiu ĉi apuda artikolo estas skribita de 16-jara lernantino de S-ino VINCENT (Les Andelys).Tiu lernantino ĉeestis la seminarion dank' al subvencio de la esperanto-grupo.

Ni tre ŝatus, se multaj el vi gejunuloj, sendus similajn verkojn por ke nia paĝo iĝu ĉiam pli kaj pli interesa.

Bonvolu noti la p.ĉ.k. de JEFO Michèle BASTONG PARIS 22746.53 Tiu konto servas nur por JEFO. Kiam vi pagas vian kotizon, bonvolu indiki vian naskiĝdaton (TEJO-UEA nepre postulas ĝin),kaj se vi pagas rekte al UFE, bonvolu sciigi tion al ni por ke ni povu peti nian monon de UFE, kaj sendi niajn informilojn al vi. Ni antaŭdankas vin.

Nome de JEFO, mi petas ĉiujn gejunulojn, kiuj rigardis la filatelan elsendon pri Esperanto (25 Feb) danki S-roj BOURDEAUX kaj ROUSSEAU, 34 rue de Chabrol, kaj gratuli ilin por tiu bona elsendo.

Louis COURTOIS

==============

ESPERANTA LOTADO: Esperantistoj kaj filatelistoj,kiuj sendos al mi respondkuponojn, partoprenos ĉe lotado pere de BRAZILA FEDERACIA LOTERIO - dum la monatoj Julio kaj Decembro.

Estas premioj je rpk. aŭ memorigaj poŝtmarkoj. Ĉiu rpk ricevos numeron. Petu detalan informon de Sro José MARCILIO, avenida Perry n° 217 JUIZ DE FORA (M.G.) BRAZILO

## MIA UNUA RESTADO EN GERMANUJO

En HAMBURGO okazis la 9-a Seminario de Germana Esperanto-Junularo de la 27-a de decembro ĝis la 2-a de Januaro. La temo estis "Li kaj ŝi" junaj homoj en la moderna mondo". Ni aŭskultis diversajn prelegojn:

"Kio estas amo. Ĉu amo estas lernebla?" de Michaël Zeilinger;

"Ekonomiaj kaj sociaj problemoj de virina laboro" de S-ro Bormann;

"Juraj aspektoj de internaciaj geedziĝoj" de Profesoro Ivo Lapenna.

Tiuj prelegoj multe interesis min ĉar estas la veraj problemoj de la moderna mondo. Post la prelegoj estis diskutoj.

La 28-an de decembro okazis la akcepto en la urbdomo. La delegitino de la Senatorino pri Junularaj aferoj, S-ino KEILHARK, akceptis nin.

Ni ankaŭ vizitis la urbon, kiu ne estas tre bela, sed tre moderna, kaj la haveno estas grandega. Bedaŭrinde preskaŭ ĉiutage pluvis, kaj ni ne bone promenis en la urbo.

La 31-an de decembro okazis la Silvestra Balo. Tiu balo estis tre simpatia, kaj ni bone amuziĝis. Je noktomezo ni povis vidi piroteknikaĵon por la Nova Jaro.

Por la lasta tago, ni havis japanan vesperon.

La 2-an de Januaro, la Seminario jam estis finita. Ĉiu devis foriri, sed mi opinias ke ĉiu estas kontenta pri sia restado.Se tiu restado estis tre agrabla por ĉiuj, ni devas danki Eliza kaj Peter WEIDE, kiuj prizorgis la organizadon de tiu seminario.

Marie-Gabrielle GRAFFIN
(16-j. - Les Andelys)

# RECENZOJ

"BONA RIDO" Anekdotaro kolektita - kaj esperantigita de Axel HELM, ilustrita de L. SPOVE - Eldona Societo Esperanto en Malmö - 87 paĝoj.

La tuta titolo estas sveda proverbo "Bona rido plilongigas la vivon". Kaj efektive tiu libro enhavas sufiĉe da gajigaj anekdotoj por centjaruligi la legantojn. La humuraj desegnaĵoj de Lennart SPOVE aldonas ankoraŭ kelkajn kromajn vivjarojn.

Ĉar la aŭtoro promesas, ke se tiu libreto plaĉos al vi, li eldonos, pli poste,duan libron, do aĉetu,legu kaj ridu...

F. LEGREE

"MEZE DE L'FLAMOJ" I2 noveloj- Fremdlingva Eldonejo- Hanojo (Vjet-Namo)

El la sama eldonejo jam aperis en 1964 du volumoj, titolitaj "Leteroj el Sud-Vjet-Namo". Tiu nuna libro traktas la saman temon: la milito en Sud-Vjet-Namo. Kvankam ĉiam partiemaj, la 12 noveloj de tiu libreto estas ofte interesaj, kelkfoje emociplenaj.

F. L.

"GVIDLIBRO TRA PARIZO" - originale verkita de JULIETA, kovrilo kaj ilustraĵoj de la aŭtorino; eldonita de E.F.E. 250 paĝoj - prezo: 12F,70.

Jen estas bonega gvidlibro pri nia ĉefurbo, ilustrita per multaj fotoj, mapoj kaj desegnaĵoj, bele prezentita sub plastika kovrilo.Gi priskribas, kiel ĉiuj gvidilojn ĉiujn vidindaĵojn de Parizo, sed krome ĝi erudicie klarigas la historion de la ĉefaj monumentoj, de la malnovaj stratoj aŭ de la antikvaj preĝejoj.

Legante ĝin, eĉ la Parizanoj sciiĝos multe pri sia propra urbo, ĉar la klarigoj kaj anekdotoj abundas.

Cu, ekzemple, la Parizanoj scias kial la Hospitalo St-Louis aŭ la Hotelo Carnavalet nomiĝas tiamaniere? aŭ kial oni vendas porket-forman kukon ĉe la Foiro de l'Trono?

Per agrabla stilo, la aŭtorino ebligas nin kunvivi laŭlonge de la "Grandaj Bulvardoj" kun la Muskedanoj en siaj groteskaj kostumoj, kun la Mirindulinoj en siaj travideblaj roboj zonitaj sub la brusto, kun la Elegantuloj kurioze vestitaj per cilindra ĉapelo, larĝa kravato kaj funelforma kolumo...

F. LEGREE

EN SIA TEMPO - eldonita de E.F.E. en Marmande - Prezo: 2,40 ĉiu broŝureto.

En la tempo kiam vivis Dro ZAMENHOF la nova internacia lingvo naskis viglan entuziasmon en multaj landoj. Dank'al la agemo de nur kelkaj eminentaj pioniroj, Esperanto disvastiĝis tra la tuta Eŭropo.

La "Esperantaj Francaj Eldonoj", ĵus eldonis novan kolekton da broŝuretoj dediĉitaj al "La Zamenhofa Tempo" kiu ebligas al la nova generacio de esperantistoj konatiĝi kun tiu emociplena periodo de la movado

La 3 broŝuroj jam aperintaj estas

1) BOULOGNE I905 - Testo kaj triumfo kun antaŭparolo de unu el tiuj pioniroj ankoraŭ vivanta S-ro Paul Bourlet, kiu organizis la unuan kongreson;

2) La Homaranismo de D-ro Zamenhof - historia enketo pri la naskiĝo kaj evoluo de tiu ideala doktrino, kiu estis la esenca celo de Zamenhof;

3) Aŭtografoj de S-ro Zamenhof, de A Ribot, destinita al tiuj, kiuj deziras pli intime koni la kreinton de Esperanto.

F. LEGREE

## LES COURS COORDONNES D'ESPERANTO

A la suite de l'article paru s ur de sujet dans le n° 234, un certain nombre de professeurs ont décidé de participer à cette organisation dont le but principal est de faire correspondre les élèves des cours élémentaires d'Espéranto pendant le cours même avec des élèves de cours de même degré organisés dans différents pays d'Europe.

Ces cours se répartissent de la façon suivante: ANGLETERRE: 6-à Londres (2), Liverpool (2), York (1) et Hexham (1); DANEMARK, un cours à Copenhague; FINLANDE, 2 cours à ETELA et Helsinki; ALLEMAGNE, 1 cours à Munich; GRECE, 1 cours à Thessalonique; ITALIE, 2 cours à Turin et Monza; AUTRICHE, 1 cours à Graz.

Pour la FRANCE,les cours participants sont: Ecole RENAN à SOtteville les-Rouen (F.SENET); Lycée J.H.FABRE à Carpentras (BONNAFOUS); Foyer Culturel à Aix-en-Provence(G.BATAILLER) Collège CURIE à Hennebont (F. LE MAGADURE); Maison des Jeunes et de la Culture à MONACO (H.CORYNEN); Maison de la Culture à Alès (R. RAYNAUD); - Ecole Normale d'Institutrices à Toulouse (O.ALBAULT); Cours d'Espéranto aux Andelys (J.VINCENT); Association Philotechnique à Paris (J.A.ROUSSEAU et Y. HODEBERT); Ecole Primaire d e Jeunes Filles à Valenciennes (LIGOT) Camping-Club de France à Paris ( L.-SLEYSSER); Ecole Publique de LA FARLEDE (A.MATHIS);Collège d'Enseignement Général à Solliès-Pont (MATHIS)

Tous ces professeurs ont reçu les documents établis par le Centre des Cours Coordonnés à TURIN.

Nous souhaitons vivement que chacun des professeurs français n o u s adresse un rapport succint des résultats obtenus comme des difficultés rencontrées le cas échéant.Une synthèse en sera adressée à TURIN pour l'amélioration future de la coordination.

J.A.ROUSSEAU

## E S P E R A N T O kaj T U R I S M O

La urbestro de TURKU (Suomio) proponas pruntedonon de 25 diapozitivojn kun sonbenbo en Esperanto.

Unue oni aŭdas popolajn muzikojn, poste tre bonajn klarigojn pri la bildoj kaj fine belan voĉon de kantisto.

La bildoj montras la urbon TURKU kun la ĉefaj monumentoj, la ĉirkaŭaĵojn kaj la familian vivon kun eĉ saŭno.

La prezentado estas tre interesa kaj daŭras 30 minutojn. Ni sugestas al ĉiuj grupoj, ke ili pru,ntepreni tiun materialon kiu estas ricevebla senpage; oni nur povas konservi ĝin mallongan tempon.

Skribu al S-ro Jorma AHOMAKI, Piispanpisti - TURKU (Suomio).

Por organizi suomian vesperon, oni povas peti propagandilojn ĉe la Suomia Ambasadejo

Pluraj urboj eldonas faldfoliojn ilustritajn kun klarigoj en Esperanto. Ni donas ĉi-sube kelkajn adresojn, kie oni povas peti tiujn faldfoliojn:

Turisma Oficejo - Kaiserfeldgasse 25 - GRAZ (Aŭstrujo).

Turisma Oficejo por Stirio - Herrengasse 16 GRAZ (Aŭstrujo).

Urba Oficejo por Turismo - Burgmeester Brannplein 6 - GENT (Belgujo).

Information Bureau - Verulam Place - HASTINGS (Sussex) Britujo.

Norvega Esperantista Ligo - Boks 942 - OSLO

Trafikoficejo Berlin - Fasanenstrasse, 7-8, BERLIN 12 (Germanujo).

La Dana Ambasadejo en PARIZO (Kultura Fako) 30 avenue d'Iéna - sendas laŭpete propagandilon pri GROENLANDO. Francoj skribu franclingve.

=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=o=

Responsables, connaissez-vous la brochure "CONSEILS AUX GROUPES": 2 Frs.?

-o-o-o-o-

TELEPHILATELIE: De larges extraits de l' émission de Jacqueline CAURAT, réalisée avec le concours de Jack A. ROUSSEAU d'après une documentation du service de Presse d'U.F.E. seront publiés dans le prochain numéro.

AUTOUR D'UN FAIT-DIVERS: L' ensemble de la Presse française et américaine (New-York Times, New-York Herald Tribune etc.) s'est fait l'écho d'un drame passionnel qui s'est déroulé à Hollywood le premier février: l' épouse du fameux acteur américain Mickey Rooney a été trouvée morte aux côtés d'un jeune acteur yougoslave, Milos Milocevic.

Quel rapport avec l'Espéranto?

Milos Milocevoc était tout simplement l'un des acteurs du film en espéranto "INKUBE", réalisé par Leslie Stevens.

PARIS-MATCH qui avait déjà annoncé ce film il y a quelques mois vient à nouveau de préciser dans son numéro du 22 février que ce film dans lequel Milocevic personnifiait le MAL (!) serait présenté en mai, à Paris.

Comme quoi le malheur des uns....

LE MONDE du 22 JANVIER I966: "L'Association Universelle d'Espéranto", dont fait partie l'Union Française pour l'Espéranto 34 rue de Chabrol à PARIS X a lancé une pétition demandant aux Nations-Unies et aux Etats-Membres de faire progresser l' enseignement de l'Espéranto et son emploi dans les relations internationales.

LE PROVENCAL du I5.2.I966: Au "Kultura Centro de Esperanto" le Président n' a pas changé depuis 34 ans". Un très bon article de Jean TRAVERS illustré de deux photographies célébrait ainsi les mérites de notre ami BOURDELON, qui réalise une performance peu banale: être fidèlement réélu à la tête du groupe de Marseille, depuis 1932!

Qu'il nous soit permis de féliciter chaleureusement à notre tour cet ami fidèle, discret et modeste, qui anime avec compétence le groupe de Marseille.

LA TRIBUNE LIBRE DE PAMIERS - des 8 I5 & 23 janvier 1966 a publié un cours condensé et des commentaires favorables à l'Espéranto, grâce à notre ami A. RIBOT et à M. PONS qui espère pouvoir fonder un Club très bientôt.

LES PETITES AFFICHES ROUSSILLONAISES ont publié également la série des 3 premières leçons des E.F.E. Cette initiative, due à notre Président R. LLECH-WALTER, est à recommander à nos amis qui ont la possibilité de publier des communiqués et informations dans les journaux et revues financières et d'informations légales.

JOURNAL DU CENTRE DU 11.2.1966: Soirée de projections au Centre d'Espéranto de l'Ecole Normale sous la présidence de notre ami BLANC, vice - président de U.F.E.

Dans le prochain numéro de Franca Esperantisto, vous pourrez lire le compte rendu d'un débat déclanché par un rédacteur du "MIDI LIBRE", à propos de la future langue véhiculaire de l'Europe...L'Espéranto langue factice (!) selon le bon professeur ROUSSEL....

A.BOURDEAUX.

oooooooooooooooooooooooooooooooooooo

Abonu ĉinan Esperantan gazeton

# EL POPOLA ĈINIO

Sinteza, dumonata, 40-paĝa, 19 × 26 cm., riĉe
ilustrita kun multkoloraj kovrilo kaj bildopaĝoj;
bezonata de diverslandaj esperantistoj por koni
la novan Ĉinion.

**Abonkotizoj :**

| | | |
|---|---|---|
| Por 1-jaro | : | 3.00 F.F. |
| Por 2-jaroj | : | 4.50 F.F. |
| Por 3-jaroj | : | 6.00 F.F. |

**Favoraj Donacaĵoj :**

1 - Ĉiu, kiu abonas nian gazeton antaŭ 15/apr./1966
ricevos senpage unu ekz. de

ESPERANTA KALENDARO, 1966

2 - Ĉiu, kiu sukcesas varbi por ni novajn abonantojn
antaŭ la menciita dato, ricevos difinitan donacaĵon
laŭ sia atingo en la varbado.

**Abonu ĉe :**

Union Française pour l'Esperanto, 34, rue de Chabrol,
Paris 10e

Detalon pri la varbado kaj provspecimenon de la gazeto bv.
peti ĉe nia peranto aŭ rekte ĉe ni.

Libroservo de Ĉina Esperanto-Ligo
P.O. Kesto 313, Pekino,
Ĉinio